

# LA SKOLTA MONDO

OFICIALA ORGANO DE LA SKOLTA ESPERANTISTA LIGO

VOLUMO 4 N·RO 14
2·A JARKVARONO 1972

# S☆E☆L

Fondinto: "Avoto"
Kunfondinto: J.W. Leslie

Honoraj Prezidantoj:
"Avoto". Norman Booth.
D.H. Davis. L.J. Van Gulck

Prezidanto: John Berggreen,
Brattvollveien 23 c,
Nordstrandhøgda, Norvegujo

Sekretario: J. K. Hammer,
Taxusstraat 7, Zaandam,
Nederlando.
Poŝtĝirkonto 63 22 46.

Kasisto kaj Administranto de
"La Skolta Mondo":
David H. Withey, 21 Brookfield Avenue, Waterloo,
Liverpool L 22 3YE, Britujo
Telefono WAT 2936

Redaktoro: Hans Amund Rosbach,
Nergata 37 c, N-6500
Kristiansund N, Norvegujo.

La Skolta Mondo aperas kvarfoje en la jaro.
*Okaze de nericevo,* bonvolu sciigi vian Nacian Reprezentanton aŭ la Administranton.


# SOMERO

La somero estas feria tempo. Sed dum la somero la skoltoj ne ĉefe ferias. La somero ja estas la tempo en kiu tendo tentas kaj ni povas utiligi ĉiujn niajn skoltolertecojn. Ni povas vagi en la naturo, naĝi en la maro, vere sperti la ĝojon de primitiva vivo en intima kunvivo kun la donacoj de Dio.

Kelkaj el ni povas vojaĝi dum la *somero.* Persone mi la unuan fojon vizitos Anglujon - kie mi ja esperas renkonti miajn ankoraŭ fremdajn amikojn. Kaj mi antaŭĝojas.

Aliaj ne povos iri eksterlanden, sed kontentiĝas per la pli konataj terenoj kaj moroj de la propra lando, eĉ propra hejm distrikto.

Laŭ mia opinio la skoltoj devas uzi sian ferion por havi novajn spertojn - kaj tion oni facile povas. Ni do ne timu la fremdan!

Mi kredas, ke ni ankaŭ havu novajn spertojn en nia religia vivo. Kelkaj el ni bone konas la proprajn diservon kaj ritojn kaj povas profiti el vizito al fremda preĝejo aŭ kongregacio. Aliaj estas tute fremdaj eĉ al la propra, kaj tial devus ĉefe viziti sian propran preĝejon.

Certe mi konas la opinion, ke dum ferio, dum restado en iu kampadejo, dum vojaĝo al fremdaj lokoj vizito al preĝejo vidinda ja decas, sed dum diservo? Tiu ideo estas fremda.

Sed mi kuraĝas aserti, ke ni per vizito al diservo gajnas ion pli ol povas doni la superecaj vizitoj turistaj en katedraloj vidindaj. Ni lernas pli pri la loko, la homoj - kaj pri Dio.

Kaj de Dio ni ne rajtas nek povas libertempi. Pri tio diras Davido (Psalmo 139):

"Kien mi kuros for de Via vizaĝo? Se mi leviĝos al la ĉielo Vi estas tie... ĉu mi loĝiĝos sur la rando de la maro, ankaŭ tie Via mano min kondukos."

Feliĉan kaj benitan ferion vin deziras

Hans Amund.

# Unueco donas la forton!

Tio ja estas konata proverbo, sed tro malofte oni agas laŭ tiu principo.
La Centra Komitato de Sel dum la estontaj monatoj klopodos aktivigi ĉiajn sepcojn de laboro por Esperanto por ke ni kune, kun kiel eble plej malmulte de laboro, akiru kiel eble plej multe da utilo.
Tro ofte, diversaj grupoj laboras sur la sama problemo, unu apud la alia, kiam kunlaboro inter ili povus doni pli bonajn rezultojn. Ni petas al ĉiu Reprezentanto de SEL, ĉiu membro aparte, pristudi kie kaj kiel kunlaboro kun aliaj grupoj eblas, kaj EFEKTIVIGI tiun kunlaboron.
Ni pensas inter alia pri la kunlaboro kun jenaj grupoj:

Instruistoj:
Ili ja instruas nian lingvon al infanoj, kaj inter tiuj infanoj certe estas skoltoj. Necesas, ke ili estu bone informitaj pri la ekzisto kaj laboro de SEL.

TEJO.
La Esperanto junularo organizas tendarojn kaj kunvenojn. Ĉar SEL estas junulara movado, certe multloke kunlaboro estos ebla.

Landaj Asocioj.
Kiam landaj asocioj preparas ekspoziciojn, kaj kampanjojn pri Esperanto, SEL kiel eble plej multe kunlaboru!

Radio-Amatoroj.
En la aktivecoj en rilato kun la skolta 'Radio-Ĵamboreo' JOTA pli vasta kunlaboro inter skoltoj kaj la Esperantistaj radio-amatoroj, kaj inter SEL-anoj kaj la ne-esperantistaj radio-amatoroj certe povas esti utila.

Niaj propraj membroj
La labor-kapablo de niaj Reprezentantoj dependas de ilia limigitaj libera tempo kaj laborforto. Ofte iom da helpo de la aliaj membroj ne nur estas utila, sed absolute necesa!

Karaj legantoj: Pripensu la vortojn de la proverbo, - kaj EKAGU.
Post kelkaj jaroj jam estos denove monda ĵamboreo, kaj ni estu fortaj antaŭ ol ni komencos la laboron por ĝi!

La C.K. de SEL

La Polusstelo estas la plej klare videbla stelo de la Malgranda Urso, kiun vi facile trovas sur la ĉielo.

El tiu stelfiguro la 7 steloj estas videblaj per nuraj okuloj, inter tiuj la beeta-stelo, nomita Koĥabo, kies distanco de la Tero estas 105 lumjaroj. Jena orangkolora stelo havas tre specialan karesnomon "la gardisto de la ĉielpoluso".

Malgranda Urso




Granda Urso




Nun, kiam ni konas kaj la Grandan kaj la Malgrandan Ursojn, ni konatiĝu kun ilia mitologia naskiĝo:

Kalisto, filino de reĝo Likao en Arkadio, estis sub kuratoreco de diino Juno, kiu iam ekkoleriĝis pro la beleco de sia zorgatino. Por protekti Kaliston Jupitero, reĝo de dioj, ŝanĝis ŝin en urson. Arkaso, filo de Jupitero kaj Kalisto, preskaŭ senvivigis sian patrinon dum ĉaso; pro tio Jupitero ŝanĝis ankaŭ lin en urson. Poste Jupitero prenis ambaŭ ursojn per la vosto kaj ĵetis ilin inter la stelojn. La vostoj kompreneble plilongiĝis, kaj tial la Granda Urso (Kalisto) kaj la Malgranda Urso (Arkaso) havas pli longajn vostojn ol siaj surteraj parencoj.

Seppo Tella.

Ni ricevis:

El Viet Nam ni ricevis bele presitan revuon en la angla lingvo, tute senpolitika kaj donante belan impreson de la lando, el kiu ni ĉefe aŭdas pri milito.
VIET NAM MAGAZINE, eldonita de Vietnam Council on Foreign Relations.

Nacia Reprezentanto en Usono.

Bedaŭrinde ni devas komuniki al vi pri malforta loko en nia Ligo. Jam dum kelka tempo leteroj de nia NR en Usono mankis sur nia skribtablo. Kaj nun nia lasta letero revenis kun stampo ke li transloĝiĝis al alia (kaj nekonata) adreso.....

SEL-kunveno en Portland.

Kiel kutime, ankaŭ dum la venonta Universala Kongreso SEL kunvenos La estro de la kunveon estos amiko Paul Ronald, helpa NR por Kanado

Paul estis la "motoro" de la SEL-kampanjo dum la mond-ekspozicio en Montreal antaŭ kelkaj jaroj. Krom grava kunlaboranto de SEL li nun ankaŭ estas prezidanto de la Kanada Esperanto-Asocio.

Ni esperas, ke multaj el niaj membroj vizitos la kunvenon.

Komunikoj.

De la Sekretario.

...oo●OOOooo...

Multe de laboro denove estis farita, kaj kompreneble la sekretario povas kontentige labori nur se li sufiĉe bone scias la situacion en la diversaj landoj.

Pro tio regulaj raportoj, eĉ mallongaj, estas necesaj.

Por la kresko de SEL estas nepre necese, ke ni havu kiom eble plej multe da Naciaj Reprezentantoj, en ĉiu lando, aŭ - kiel diras la Fondinto Avoto - ni havu fenestron tra kiu ni prediku nian evangelion!

Ĝis nun la funkcio de NR estas donita nur al skoltoj aŭ ekskoltoj. Ofte tio estis nepre necesa pro la iom 'fermita' strukturo de la skolta movado en kiu nur la proponoj de la skoltoj mem valoris.

Nuntempe la Skolta Movado pli multe ol antaŭe emas aŭskulti ankaŭ la voĉon de neskoltoj. Kaj ankaŭ en multaj landoj ne estas facile trovi la unuan skolton kiu volas akcepti la postenon, kvankam ne-skoltoj volonte volas helpi al ni.

Tial la Centra Komitato decidis, ke ankaŭ ne-skoltoj ofte estas tre necesaj por kreskigi nian Ligon. Ili povos ricevi la titolon "Aganta N. R." por periodoj de 2 jaroj. Dum tiuj du jaroj ili povas aŭ - se eble - trovi skolton kiu volas transpreni la taskon, aŭ montri, ĉu nia decido estis prava, kaj poste ricevi la normalan funkcion de N.R.

Ni esperas, ke multaj el niaj neskoltaj kunlaborantoj volas pli-intensivigi tiel la kunlaboron kun ni.

Skoltaj gazetoj. Mi ĝis nun konservis multajn nederlandajn gazetojn por skoltoj, skoltinoj kaj skoltestroj. Se iu kolektas tiajn, mi volonte sendos kelkajn al ĉiu, kiu sendas sian nomon plus unu Respondkuponon. Alie mi devos forĵeti ilin pro spacomanko.

Aferoj por niaj amikoj en plej mezeŭropa lando nun estas tre malfacilaj. Multaj ne plu aliĝis por la nova jaro. Dissendo de LSM en la lando mem ne plu eblas. Leteroj al ili kaj respondoj de ili perdiĝas dumvoje. Se vi havas amikojn tie, bonvolu pagi la abonon por ili, kaj petu rektan alsendon de LSM al ili, aŭ mem zorgu pri la sendado.

Ekspozicia materialo. El ricevitaj fotoj kaj aliaj bildoj mi antaŭ kelkaj jaroj preparis serion de kartonoj, 22x30 cm por ekspozicioj ktp pri SEL. Inter ili kelkaj bildoj pri la unuaj skoltgrupoj kiuj uzis "JAMBOREAN LINGVON"

Unu serio perdiĝis, ĉu en Kanado, ĉu dumvoje de tie al Nederlando. Se vi havas ilin, bonvolu resendi ilin, aŭ averti s-ron P.Ronald, ĉar la kanadaj amikoj jam vane serĉis ilin.

...oooOOooo...

Frando Lando

Ne ofte okazas, ke la komercaj por-junulaj gazetoj tuŝas temojn, kiuj estas iom pli pensigajaŭ malagrablaj. Tre ofte la moderna muziko kaj la aventuroj de la heroo j de bildserioj estas la plej 'gravaj' aferoj, kiujn oni pritraktas.
Tamen, en la nederlanda por-junula gazeto PEP ĉiam unu paĝo estas eksterordinara tiurilate. Estas la paĝo "Pep-spotter" (Pep-mokanto).
Unu paĝo, de la tre konata desegnisto George Mazure, kiu en ridinda maniero skizas la plorindan situacion de nia mondo, tre trafis nin.

PEP donis al LSM la specialan permeson reprodukti la paĝon kun esperantigita teksto.

Agado en Zairujo.

Ĝojigaj novaĵoj atingis nin el Zairujo, jen la nova nomo de la antaŭa Respubliko demokrata de Kongo. Estas malmultaj Esperantistoj tie, kiuj antaŭ kelkaj jaroj lernis la lingvon de la belgo K. Braet.
Unue ili fondis la Centron por Disvastigo de Esperanto, kies direktoro estas nia NR en tiu lando.
Sed ili ankaŭ rimarkis ke ilia kono pri Esperanto estas nur malgranda, pro manko de legaĵoj kaj eblecoj paroli ĝin; kaj ankaŭ ĉar lernolibroj estas malmultaj. Plej grave ili bezonas kelkajn lernolibrojn kaj vortarojn kun francaj klarigoj, sed ankaŭ aliaj libroj kaj gazetoj estas bonvenaj. Plej konata gazeto ĉe ili ĝis nun estas nia modesta La Skolta Mondo.
Karaj skoltamikoj en landoj pli bonsituaj: ekagu, por helpi al niaj amikoj apud la Ekvatoro.

Paul Blaise Fonduso.

Por skoltoj, kiuj mem ne tute povas pagi la elspezojn por vizito kunvenon de SEL, ni havas specialan Fonduson, 'Paul Blaise Fonduso'.

La mono povas esti uzata ne nur por specialaj SEL-kunvenoj, tendaroj, sed ankaŭ por viziti la SEL-kunvenon dum ekz. Universala kongreso aŭ skolta tendaro kiu gravas por SEL. Subvencio estas donata ankaŭ por vizito al aranĝoj kun informa budo, ekspozicio k.s

La N.R. proponu kandidatojn al C.K. La intenco tamen estu: Per ŝparemo, laboro ktp mem akiri monon. Tri subv. je £ 8 nun estas doneblaj. C.K. atentas proponojn.

# Frando Lando

Door George Mazure

















# PASPORTA SERVO

Junaj homoj volas vojaĝi! Kaj certe, la vojaĝado estas unu el la plej bonaj manieroj por kontaktiĝi kun aliaj homoj, aliaj landoj, kaj por utile uzi nian lingvon. Sed speciale por junuloj la problemoj ofte estas grandaj.

Por faciligi la vojaĝadon jam ek de 1967 ekzistas la servo 'Pasporto" de TEJO, kiu certe meritas nian atenton.

La servo celas serĉi gastojn por tiuj, kiuj scias kiom da ĝojo eksterlandaj gastoj povas doni en la hejmo, kaj gastigantojn por tiuj, kiuj bezonas ilin.

Ĉu ne vi, membroj de SEL povus aliĝi al la servo, kaj akcepti gaston en via domo? Eble specialan gaston, ekzemple alian membron de SEL?

Aliĝo al la servo estus bona ekzemplo de kunlaboro inter SEL kaj TEJO!

Gastoj kaj gastigantoj povas anonci sin ĉe la direktoro de la servo G.D. Winkler, Jaegerstr. 27, D 42, OB-Sterkrade, Germana Federacia Respubliko. Li kiel eble plej bone kombinos la gastojn kun la gastigantoj por reciproka ĝojo kaj plezuro.

Aliĝo de gastigantoj: Por bona funkcio necesas:
Nomo, adreso, la konsisto de via familio, maksimuma daŭro de la gastigado, maks. nombro de gastoj, ilia aĝoj kaj sekso, kion vi ofertas (ĉu nur tranoktado, ĉu kun manĝoj), kion vi deziras rekompence (eventuale reciproka vizito), kaj se necese aliaj informoj.

Aliĝo de gastoj. Nomo, antaŭnomo, adreso, okupo, naskiĝdato, nivelo de la lingvo (elementa, meza, supera), aliaj konataj lingvoj, vojaĝo planata. Gasto aldonu 2 aktualajn fotojn, prezentleteron de 100 vortoj minimume, kaj 2 dolarojn por la administracio. Se oni mem ankaŭ gastigos alian personon, unu dolaro sufiĉas.

La poŝtĝirkonto de s-ro Winkler estas:
ESSEN-2429-41 (Germanujo)



**S U K**

Unuan fojon okazos kvarsemajnaj SOMERAJ UNIVERSITATAJ KURSOJ (kun Esperanto kiel laborlingvo) de la 30-a de julio ĝis 27-a de aŭgusto en la modernega kvartalo Sart Tilman de Universitato de Lieĝo, Belgujo.

Kondiĉoj de partopreno estas:
1. abiturienteco. 2. aĝo inter 17 kaj 40 jaroj.

Partoprenkotizo, kiu kovras ĉiujn kostojn de loĝado, 3 ĉiutagaj manĝoj kaj studprogramo estas 1200 belgaj fr + 1800 bf. posemajne por restado.




# LETERAMIKO

Miguel Angel Turrion, Don Juan 11 de Aragon n-ro 6-1 C, Zaragoza, Hispanujo,

16-jara hispana skolto, eklernis Esperanton kaj serĉas helpon de hispana skolt(in)o por ekzerci la lingvon. Li ankaŭ volas korespondi kun eksterlanda skolto.

Karaj legantoj: Bonvolu memori, ke tiu ĉi rubriko estas la eble plej grava de ĉiuj en nia revuo. Per ĝi ni povas gajni novan membron - aŭ perdi lin!

# GRATULO, BONVENO, DANKO

Ĝojiga letero alvenis ĉe ni el Portugalujo.
Juna Esperantisto, Jaime de Matos Correia, decidis akcepti la taskon de NR por tiu lando. Kompreneble vi ĉiuj volas konatiĝi kun li!
Jaime naskiĝis 1922, estas edzo kaj patro de 3 infanoj, kaj lernis Esperanton 1962. Do duobla jubileulo en tiu ĉi jaro. Gratulon!
Li ne estas skolto, sed aktive kunlaboras kun la grupo 19 en Pontinha, Lisboa, pri kiu vi legis en LSM n-ro 10 (1971/2), kies instruisto li estas. Pri skoltaj aferoj li intime kunlaboras kun la skoltestro, kiu ne jam sufiĉe lernis la lingvon por mem akcepti la taskon.
Dum renkonto en la skoltejo li ricevis la arkivon de la antaŭa NR, J.P. de Melo, kiu klopodis aktivi por nia lingvo en malfacila tempo, kiam aktiveco por nia lingvo en Portugalujo fakte estis malpermesita.
Ni dankas al li por ĉio, kion li faris de 1964 ĝis nun.
Al Jaime de Matos Correia iras niaj bondeziroj, ke lia nova tasko donu al li multan ĝojon kaj feliĉon, kaj rikoltu sukceson inter skoltoj de lia lando.
Lia adreso estas R. Cidadeda-Horta, Lote Q-5-3°, Pontinha, Lisboa 4.

# Invito al konkurso

Ornitologia Rondo Esperantlingva ĉiujare aljuĝas Premion Simondetti, en valoro 1000 belgaj frankoj al elstara artikolo originala aŭ tradukita pri la tre ĝenerala temo "Naturo".
Nia estinta NR por Norvegujo L.K. Hunnes gajnis 1972.

Partoprenantoj sin anonci al Konkurso Simondetti, p/a Manuel Halvelik Gebr. Blommenstraat 41/0, B-2200 Borgerhout, Belgujo.

# NEGES EWYLLYS DA Ieuenctid Cymru

Ĉiujare en la 18.a de majo iras el Kimrujo la Bonvolmesaĝo - en multaj lingvoj, i.a. en la internacia.
Respondoj revenas al Kimrujo de multaj landoj, en 1971 de 44.

Nia ĝenarala sekretario respondis en la nomo de nia Ligo. Sed se la membroj - en nia lingvo - respondus de ĉiaj flankoj de la tero, tio montrus eĉ pli kiom la internacia lingvo valoras!

La adreso estas:

Secretary Goodwill Message,
Swyddfa'r Urdd,
Aberystwyth Wales.



## CYMRU'N GALW!

**Esperanto**

**La Kvindek-*unua* Ĉiujara Bonvolmesaĝo de la junularo de Kimrujo al la junularo de la *mondo*, radie disaŭdigota je Bonvoltago, la 18-a de Majo, 1972.**

Jen Kimrujo! Salutojn de la junularo de Kimrujo al la junularo de la mondo, je Bonvoltago.

Nuntempe, en mondo kie troviĝas tiom da konflikto kaj tiraneco, malsano kaj malriĉeco, malĝojo kaj soleco, gejunuloj ĉie fortege deziras helpi la homaron kaj krei pli justan socion.

La estonteco estas la nia. Estas nun, kiam oni devas ekkonstrui la morgaŭan mondon. Ĉi tiu tasko bezonas klaran pensadon kaj sanan korpon.
Dum iuj pretadas gajni per la malfortecoj de siaj kunuloj, oni devas senlace, sin gardi kontraŭ ĉio kiu koruptas la menson, kaj sapeas la homan dignon.

Ni ankaŭ disciplinu nin malakcepti ĉion kiu malutilas la korpon, por ke ni povu plenumi nian taskon per la plenforteco kaj energio de la juneco.

Ĉu vi kunlaboros por krei tian estontecon? Ju pli ni sukcesos, des pli ni povos antaŭĝui pli puran kaj pli bonan mondon, por interkompreno kaj reakordiĝo, por paco kaj bonvolo.

PRO LA MALOFTECO DE ELDONO

ni en La Skolta Mondo ofte ne povas ĝustatempe anonci pri interesaj okazontaĵoj dise en la mondo.
Inter la informoj, kiujn ni ricevis post eldono de lasta numero, ni trovas leteron de Boris Uher, Strakateho 15, Brnow, Ĉssr.
En tiu li skribas pri Somer-esperant-tendaro en Třebič en du etapoj 16.- 29. de julio kaj 30. de julio - 12. de aŭgusto.
Petu informojn ĉe lia adreso.

Samtempe li informas pri X-a jubilea somera esperanto-universitato Gyula en Hungarujo 9. - 15. de julio, sub aŭspicio de U.E.A.



Naciaj reprezentantoj:

| | |
|---|---|
| Aŭstralio: | S-ro S.H. Milligan, 274 Mont Albert Rd., Surrey Hills, 3127 Victoria. Telefono WF 7948. |
| Belgujo: | S-ro Eddy Frederickx, Paasbloemstraat 31, B-2060 Merksem-Antwerpen. Poŝtĉekk. 9978.93. Tel. (03)45.24.76.<br>L.J. van Gulck: telefono 03-3688.08.<br>Poŝtkonto Belga Skolta Esperanto- Sekretariato 327460. |
| Brazilio: | S-ro Euclides C. Soares, Av. Almirante Tumandare 979, Belem, Para. |
| Britujo: | S-ro C. Bardsley, 42 Westbourne Street, Oldham, Lancs. |
| Danlando: | S-ro Asger Petersen, Blistrupsvej 8, DK-2610 Rødovre. Telefono 707157. |
| Finnlando: | S-ro Seppo Tella, 9 kp, SF-55950 Imatra 95. Telefono 954-51130. |
| Francujo: | Monsinjoro Patrick Truchemotte, 76 Rue Lombard, Bordeaux |
| Hispanujo: | S-ro Pedro Marqueta, Fern el Catolico 32, 5°izqda, Zaragoza. Telefono 25 20 44. |
| Italujo: | Prof. Franco Tulone, Via Frangipene 8, 92019 Sciacca, Agrigento. Telefono 21.198. |
| Japanujo: | S-ro Sinzo Sumiya, Daido Kagaku Sooti K.K. 16, Suekirotyo Kitatu, Osaka. |
| Kanado: | S-ro John H.F. Hoyle, Box 421, Forest Ont..<br>Helpa N.R.: S-ro Paul Ronald, 45, 10th Ave., Roxboro, Queb. |
| Kongo:(Zair). | S-ro Paul Deloin Nzemba-Paku, B.P. 198, Limete, Kinshasa. |
| Nederlando: | S-ro J.K. Hammer, Taxusstraat 7, Zaandam. Telefono (02980)-66931. Poŝtkonto 63 22 46. |
| Norvegujo: | S-ro H.A. Rosbach, Nergt. 37c, N 6500 Kristiansund N. Tel (073)-77620. Poŝtkonto 8 03 04 13. |
| **Portugalujo:** | S-ro Jaime de Matos Correia, Lote Q-5-3°, Pontinha, Lisboa 4. |

Informoj pri membreco

*<u>Eŭ landoj kun Nacia Sekcio</u>:

Informiĝu ĉe la N.R. kaj pagu al li la landan kotizon.

<u>Individuaj membroj</u>: (Nur en landoj sen N.R. !)

Kotizo inkl.abono de LSM. por junuloj ĝis 18 jaraj:
Angla £ 0.40 (Ned.guldenoj 3.30)
Por pli-aĝuloj: £ 0.60 (Ned.guldenoj 5.00)
Subtenantoj : Minimume £ o.60 aŭ Ned.g. 5.00
Oni pagu al la kasisto, aŭ se necese al la sekretario.

Ĉiam bonvolu pagi vian kotizon antaŭ la unua de aprilo !




NORVEGUJO

1100 JARA

















**La Skolta Mondo**

Memoru la limtempon.
La datoj estas 1-a de Februaro, 1-a de Majo,
1-a de Aŭgusto kaj 1-a de Novembro.

---

REDAKCIO: N-6500 KRISTIANSUND